12a JARO No. 1/2. JANUARO-FEBRUARO 1920.



Unum ovile et unus pastor.
Unu ŝafejo kaj unu paŝtisto.
(Joh. X., 16.)

# ESPERO KATOLIKA

INTERNACIA MONATA GAŻETO, OFICIALA ORGANO de I. K. U. E.

## Nia celo.

Antaŭ pli ol milnaŭcent jaroj „profeto" tramigris la landon de la judoj, predikante: Unu amu la alian! — Ĉiu homo estas nia proksimulo! — Amu viajn malamikojn! — Preĝu por ili! — Benitaj estos la pacemuloj! — ktp.

Kie estas nun la efektiviĝo de tiu doktrino? La milito tutmonda pruvis la bankroton de la nuntempa materialeca kulturo. Diversaj estas la kaŭzoj por tiu deflankiĝo de la doktrino de Kristo. Multaj vidis en detruo de kontraŭstaranta popolo solan savon por la Kristana religio, multaj konsideris sian nacion kiel la plej bonan inter la tutmondaj popoloj. Sed nia sankta religio ne estas propraĵo nur de iu popolo aŭ ŝtato, ĝi estas internacia idealo. Tial nur la eklezia potenco — la ĉefa en Romo — povis konservi dum la tuta tempo de la milito la neŭtralan pozicion. Ni rememoru pri la vortoj, per kiuj la papo Pio Xa karakterizis la tutmondan militon kiel tuthomaran malfeliĉon, kaj precipe pri tiuj de la papo Benedikto XVa, kiu nomis ĝin kontraŭ-Kristanan ...eiron kaj tutmondan malhonoron.

La tempo de kvinjara sistema hommortigo pasis. Kio estas ĝia efekto? Kion gajnis la religio?

Aŭdu responde la profetan voĉon: Religio depopulata!

La nuntempa homaro staras ŝancele sur realaj kaj moralaj ruinoj.

Ĉu ĝi ĉiam restu sur ili?

Ne, certe ne, kvankam momente la aspekto estas tre malhela kaj malĝoja.

Antaŭ ĉio ni do rememoru, ke ni estas membroj de la katolika eklezio, kiu konservas la doktrinon de la Dia majstro en la plej pura, la plej perfekta formo. En sia idealo ĝi estas vere

katolika, t. e. universala, ne nacia, sed internacia morala kunigilo por ĉiuj rasoj kaj por ĉiuj nacioj. Laŭ la intenco de nia Dia majstro la Kristanaro devas esti ampleksa internacia frataro, kies centro estas Li mem.

Katolikismo tamen ne kondamnas sed postulas amon al patrujo kaj abomenas nur nacian egoismon kaj troan sinŝaton.

Ni katolikaj esperantistoj precipe tenu antaŭ niaj okuloj tiun celon de nia eklezio. La helplingvo Esperanto ne povas esti nia celo sed helpilo, por efektivigi la gravan intencon de Kristana internaciismo. Per Esperanto, kiel la plej perfekta helplingvo por popola interkomprenigo, ni venu al kunligo de la Kristanaj koroj sur la tuta terglobo, al sankta komunismo en la viva religio, al frateco kaj vera libereco sur la fundamento de la doktrino de Kristo.

Ĝis tiu celo la vojo ja estas longa kaj malfacila. Sed paŝon post paŝo ni iru ĝin.

Unua nia tasko estu, kunigi la ĝisnunajn esperantistojn kaj organizi ilin en firmaj naciaj grupoj sub agema estraro, kiu varbas kaj propagandas senĉese en nacilingvaj gazetoj kaj revuoj, en paroladoj kaj konferencoj.

Krom tio ni bezonas kunligantan oficialan organon por la esperantistaj katolikoj. Tian fondis la neforgesebla franca pastro Emilo Peltier en sia „Espero Katolika". Post lia morto ĝi transiris alian landon kaj efikadis utile sub la direktado de senlacaj eminentaj kaj fervoraj samideanoj. La milito malebligis pluan ĝian eldonon, je sincera bedaŭro ne nur de la katolikaj sed ankaŭ de multe da nekatolikaj esperantistoj.

Nun nia revuo komencas eliri provizore en Aŭstrujo. Ni esperas, ke ĝi gajnos ankaŭ en sia nova formo la korojn de estantaj kaj de estontaj esperantistoj, kaj ke ĉiu fervora esperantisto, precipe en la katolikaro, abonos kaj subtenos ĝin. Nur tiamaniere estos eble, iom post iom pliperfektigi ĝin laŭ enhavo kaj ekstero. „Espero Katolika", konservante fidele la Zamenhof'an Esperanton, estos organo internacia kaj neŭtrala en katolika senco.

Por ebligi aktivan kunlaboradon kaj sciigi pri la programo, ni jene prezentas la celon de „Espero Katolika".

La revuo laboros por:

katolika internaciismo laŭ la intenco de la Sankta Seĝo,

morala kaj fizika reformado de la homaro laŭ la katolika vidpunkto,

konatigo de la ideala kaj grava kulturvaloro, kiu troviĝas por la tuta homaro en la katolikismo.

Laŭ tiuj programaj punktoj nia revuo

disvastigos la ideojn de popola repaciĝo kaj de „Ligo de nacioj“,

subtenos samcelajn organizojn en iliaj celadoj, precipe la katolikan unuiĝon „Blanka Kruco“ en Graz (Aŭstrujo) k. s.,

kunligos samprofesiajn unuiĝojn inter la katolikoj (por pastroj, gestudentoj, laboristoj ktp.),

interkonatigos katolikojn por interŝanĝo de pensoj, korespondado kaj alispecaj interrilatoj,

propagandos kaj subtenos entreprenojn por anima kaj religia resanigo kaj plibonigo de katolikoj per „interna misio“ (laika apostolato, moderna animkuraco, katolika presaro, religia instruo) kaj „ekstera misio“ (socia-karitaj organizaĵoj kaj institutoj por laboristoj, gestudentoj, malsanuloj, malsobruloj, malriĉuloj, hejmoj por esperantistoj vojaĝantaj, higienaj refreŝigejoj ktp.),

raportos pri la tutmonda religia movado en pozitiva kaj negativa senco, pri socialismo ktp. kaj

klarigos kaj defendos la religian kulturon.

Dio benu nian entreprenon! Antaŭen, esperantistoj! Vivu la aktiva katolikismo!

La redaktoro:
P^ro^ Ludoviko Koller, O. S. B.



# Alvoko.

Certe je la plej granda kontentigo kaj ĝojo de la tutmonda katolikaro esperantista reaperas post pli ol kvinjara interrompo nia kara, per Apostola Beno de Pio X-a honorita, internacia gazeto

**Espero Katolika.**

Kun ĝiaj unuaj postmilitaj folioj flugu tra la mondo, soifanta pacon, jena nia

**Urĝa peto en grava tempo:**

Vi, eminentuloj de la sankta eklezio katolika,

Vi, respektinda episkoparo kaj pastraro,

Vi, misionistoj, eĉ en plej malproksimaj anguloj de la mondo,

Vi, gemonaĥaro, edukantaj aŭ instruantaj infanaron aŭ vivantaj silente en viaj ĉeloj,

Vi, estroj de ĉiuspecaj organizoj katolikaj en ĉiu parto de la tero,

Vi, scienculoj kaj altranguloj,

Vi ĉiuj, benitaj per riĉeco aŭ suferantaj mizeron,

ĉiuj katolikoj, oficistoj, instruistoj, laboristoj, kamparanoj ktp., egale, al kiu raso aŭ nacio vi apartenas, vi estas insiste petataj de la katolika esperantistaro, okupiĝi pri la grava penso:

„Ĉu la pli ol duonmiliarda diverslingva katolikaro ne bezonas ian interkomprenilon, kiu povus plifaciligi reciprokajn interrilatojn en korespondado, dum vojaĝoj kaj precipe dum diversnaciaj kongresoj?“

Certe via respondo estos: jes! Sen dubo per unu lingvo komuna, nenies nacia propraĵo, lingvo neŭtrala kaj por ĉiuj la sama, kia estas vere nur „Esperanto“, oni facile povus unuigi la diversajn organizaĵojn en la tuta mondo kaj ĉie labori en sama spirito por la bono ne nur eklezia, sed precipe en la senco de elektita sama celo.

Granda forto en organizaĵoj povus esti kreata kaj ne disbatigebla baro konstruata samtempe kontraŭ atakoj de la metamorfozanta socia vivo.

Katolikoj! Se vi efektive deziras ĝojon promesantan estonton al nia sankta eklezio kaj ĝia anaro, lernu, instruu, disvastigu kaj subtenadu morale kaj materiale la plej belan ideon de homamo kaj harmonio, kulminanta en la lingvo „Esperanto“.

Ne hezitu okupi vin pri la demando de Esperanto, laboru senlace por la efektiviĝo de tiu granda ideo kaj kunhelpu por veriĝo de la devizo: „Unum ovile et unus pastor“ (Unu ŝafejo kaj unu paŝtisto). Joh. X, 16.

Pro Francisko Meŝtan,
Prezid. de „Aŭstria Katolika Ligo Esperantista“.

*

Kara gesamideanaro, vi estas petataj, diskonigi per naciaj aŭ esperantaj gazetoj la supre publikigitan alvokon kaj aliajn tekstojn el nia gazeto, kiuj povos vastigi kaj fortigi la ekvekiĝintan katolikan Esperanto-movadon.

---

# La Sciigo de Ĝojego.

## I. Seriozeco.

„Kaj la anĝelo diris al ili: Ne timu, ĉar, jen, mi evangelias al vi ĝojon grandegan, kiu estos al la tuta homaro.“ (Luk. II—10.)

La mizera mondo perdis la ĝojon. Ĉar ĝi perdis sian feliĉon. Nenion ĝi tiom bezonas kiom ĝojon. Ĉar nenion ĝi tiel absolute perdis.

La mondo eĉ jam ne scias, kie aŭ kiel ĝi povos retrovi perditan sian ĝojon. Ĉar ĝi serĉas kaj klopodas per maniero, per kiu ĝi pli kaj pli malproksimiĝas de sia celo.

Se Dio al mi daŭre helpos per sia gracia helpo, mi montros la vojon. Ne! Ne mi montros la vojon, por retrovi la ĝojon, sed Dio mem kaj nur Dio sole ĝin montros. Al la homoj de bona volo.

Ĉar estas vero, ke la Evangelio enhavas nenion alian ol doktrinon de ĝojo.

Kiel „sciigo de granda ĝojo“ ĝi jam de la komenco estis anoncata al la mondo. Tuj post la naskiĝo de Jezuo la anĝeloj anoncis al la paŝtistoj tiun alvenon de Dio sur tero kiel fakton de ĝojego.

Kaj tiu alveno de Dio inter ni, tiu homiĝo de Dio signifis ja la liberigon el la mizerego kaŭzita de la peko, — signifis ja la tutan doktrinon Kristanan donitan al la mizeruloj, — signifis ja la fondon de la Eklezio kun ĉiuj ĝiaj rimedoj, per kiuj ĝi donas kaj daŭrigas la ĝojon al la homoj bone aplikantaj ilin.

Estas vero, ke la Evangelio enhavas nenion alian ol doktrinon de ĝojo. Kaj estas vero, ke la Eklezio katolika enhavas nenion alian ol tiun evangelian doktrinon ĝojigan.

Sed la homaro forgesis tiun veron kaj jam plu tute ne vidas ĝin.

Tamen vero restas, kio estas vero. Eĉ kiam la homaro forgesis kaj plu ne vidas ĝin. — Kaj jen, ĉi tion mi volas montri al vi.

Sed antaŭ tio mi devas kaj volas prepari vian animon, por ke ĝi povu akcepti tiun veron, por ke ĝi estu kapabla, ricevi tiun belegan veron, kapabla, teni ĝin kaj ĝui kaj vivi per ĝi.

Ĉar la moderna mondo perdis, krom la feliĉo kaj la ĝojo, alian kvaliton, kiu estas nepre necesa, por alpreni feliĉon kaj ĝojon.

Tiu kvalito estas s e r i o z e c o aŭ s i n c e r e c o.

La seriozecon oni ankaŭ ne nur perdis, sed plu ne konas. Oni ne scias, kio estas tiu kvalito, kio estas vera seriozeco.

— — — — — — — — — — — — — — —

Seriozeco maltrankvilige estas maloftaĵo inter la homoj.

Al tiu, kiu jam ne demandas pri kialo; — al tiu, kiu nur deziras okupon, ne celatingon; — al tiu, por kiu teologio aŭ filozofio estas nur metio aŭ fako, tiel, kiel geometrio estas fako por aliaj; — al ili ĉiuj mankas seriozeco.

Seriozeco estas hodiaŭ same malofta kiel amo kaj ĝojo.

Se la modernaj homoj ja havas ankoraŭ iomete bonvolemon, ili tute ne havas fortan volon, por teni seriozecon. — La nepre necesa forta volo ne estas virto de la modernaj homoj, ho ve!

Ĉu seriozeco kontraŭstaras, forpelas ĝojon?

Tute ne! Ĝi estas unu kun ĝi —

Ne ekzistas vera ĝojo, kie ne ekzistas vera seriozeco, kaj kie estas vero sen ĝojo, tie eĉ ne estas seriozeco.

Homoj, kiuj ne posedas veron, povas esti seriozaj, — kiel Nietzsche — ne estante ĝojaj.

Sed ankaŭ en ili ne seriozeco forpelas la ĝojon; mensogo, malvero forpelas la ĝojon el iliaj animoj.

Malĝojo ne estas signo, marko de seriozeco, sed signo de malvero, de eraro.

Mi volas insisti je tiu ĉi veraĵo: Malĝojo estas signo de malvero, de eraro. Kiu malĝojas, tiu eraras iamaniere.

Vero ne povas vivi sen ĝojo. Kiel ĝi ankaŭ ne povas vivi sen amo.

Seriozeco ne forpelas la ĝojon. — Seriozeco estas amo al vero, kaj kie vero estas enveninta, tie samtempe ĝojo eniris.

Ĉi tiu ja ne forkuras, kiam ĝia „alter ego“ (la alia „mi“) trovas amon! Tiu amo estas profito por la ĝojo.

Seriozeco do estas nenio alia ol amo al vero.

Seriozeco tute ne estas grava sintenado, severa mieno, malŝercaj paroloj, malridiga konversacio. Tia graveco estas parodio de seriozeco. Kiel seksa pasio estas parodio de amo, kiel vanta plezuro estas parodio de ĝojo.

Ne tiu, kiu forpelis ĝojon kaj vivamon, ne tiu, kiu serĉas doloron kaj malamas la vivon, ne tiu, kiu severamiene trairas la mondon, estas serioza homo. Seriozeco estas nenio alia ol amo al vero.

Seriozo estas harmonio.

Seriozo estas konsekvenco.

Seriozo estas egalanimo, forto.

Kaj pro ĉiuj tiuj kaŭzoj seriozeco ne estas io „moderna“, kaj modernuloj ĝin finomas „burĝeco“.

Seriozeco estas aristokratio, estas regforto, estas reĝeco. Kaj ne sufiĉas bonvolemo, por esti serioza, sed nepre forta volo estas bezonata. Seriozeco estas amo, Amo al vero, al justo, al bono, al belo.

Kiu ne konas amon, tiu ne konas ankaŭ seriozecon.

Kiu ne konas seriozecon, tiu ne konas amon.

— — — — — — — — — — — — — — —

Ni do estu seriozaj, — kaj serioze, t. e. kun forta amo, serĉu la veron.

Gemonde, Nederlando. Wouter Lutkie, sacerdoto.

---

# Pri unueca teksto de niaj ĉefaj katolikaj preĝoj.

En la 106a no de „Espero Katolika“ 1914, paĝo 195, la paroĥestro en Pfakofen apud Regensburg (Bavarujo), la IKUE-ano Jozefo Lintl, prave skribis: „Estus tre dezirinde, ke almenaŭ la ĉefaj preĝoj ricevu unuecan tekston. Kiom malsame ja estas tradukitaj la samaj ĉefpreĝoj en la diversaj preĝlibroj! Por ekzemplo mi citas nur la kvar komencvortojn de la Anĝela Saluto „Ave Maria, gratia plena“, pri kiuj mi trovas jenajn tradukaĵojn: a) Saluton, Mario, gracoplena; b) Estu salutata, Mario, gracoplena; c) Estu Vi salutata, Mario, plena de graco; d) Mi vin salutas, Mario, plena de favoro; e) Vi estas salutata, Mario, favorplena . Sufiĉas; mi ne volas trovi pluajn esprimojn.“

Saman embarason kaŭzas al ni la malsame tradukita teksto de la Sinjora Preĝo „Pater noster, qui es in coelis“: a) Patro nia, kiu estas en la ĉielo; b) Patro nia, kiu estas en la ĉieloj; c) Nia patro en ĉieloj ktp., kaj la tekstoj de la ceteraj komunaj preĝoj.

Sed en kio ni volas montri nian plenan unuecon dum niaj universalaj kongresoj, se ni eĉ en niaj komunaj preĝoj al nia komuna patro en la ĉieloj ne havas unuecon?

Jam alproksimiĝas la tagoj de la XII-a Universala kongreso de Esperantistoj en Haag kaj ankaŭ de nia Va (VIa ?) katolika kongreso. Mi do proponas, ke E. K. eldonu ĝis tiu tempo preĝareton, enhavantan nur la ĉefajn liturgiajn preĝojn, kies teksto estu aprobita de la plej supera eklezia aŭtoritato kaj akceptita de IKUE kiel teksto oficiale uzota dum katolikaj diservoj.

Cetere mi proponas, akcepti kiel tiun oficialan la tekston de la tri ĉefaj preĝoj, t. e. „Patro nia“, — „Saluton, Maria“, kaj „Mi kredas en Dion“, kiuj troviĝas en la Katolika Preĝaro eldonita ĝiatempe de Em. Peltier kun Imprimatur de Mro Renou, la ĉefepiskopo de Tours. Mi pravigas tiun proponon per tio, ke abato Peltier elektis la ĝustan vojon. „Oni kredeble,“ li skribis, „ne konscias, kiom delikata kaj malfacila estis la tasko de tiuj, kiuj verkis la Preĝaron. Traduko de oficialaj katolikaj tekstoj postulas multe da lerteco, da zorgo, por neniel ŝanĝi la signifon. Tial, ke tia traduko estos disvastigata tra la tuta mondo, oni devis celi, ke ĝi estu plej eble perfekta...“

Pro Francisko Meŝtan,
Provincialo de la Aŭstruja prov. de regulaj klerikoj Scholarum piarum.

# Porhelpa krio el Siberio.

## Al la amanta liberecon Svisia popolo!

Antaŭ nelonga tempo alvenis en Svisio la originalo de letero el Orienta Siberio, havanta la titolon: „Porhelpa krio al la Svisia popolo“, kaj en kiu Siberiaj militkaptitoj kortuŝe sin turnas al la „Svisia popolo amanta liberecon“. En tiu alvoko estas dirite:

„. . . La paco kun German-Aŭstrujo estas kontraktita, kun Hungarujo certigita, kaj ni ankoraŭ ne vidas eblecon de baldaŭa hejmenveno. Ni demandas nin kaj direktas tiun demandon al la tuta mondo: Kial ni devas suferadi tiujn malfeliĉigajn turmentojn, kial al ni libereco ne estas redonata, kion ni krimis, kio estas nia kulpo? Nek ni, nek hejme la amataj niaj estas kulpaj pri la eksplodo de la milito kaj pri ĝiaj suferigoj. Ni estas homoj, tute simplaj homoj, sopiregantaj liberecon, kies unuhuraj deziro, sopiro kaj penado estas direktataj al hejmo, al gepatroj, al edzino kaj infanoj. Ni devas sentadi la ankoraŭ nun daŭrantan kaptitecon kiel pezan punon, pli kruelan, ol krimulo, iel ajn gravan krimon farinte, sentas sian punon, ĉar la aresto de krimulo havas finon, fiksitan per la juĝo finon, sed ni eĉ la finon de nia kaptiteco ne scias, ni ne scias, kiam por ni batos la horo de liberiĝo el la plej granda kaptitejo en la mondo, el Siberio, kien la Rusoj sendis siajn ekzilitojn, kiuj multrilate havis pli bonan sorton ol ni. Ili estis nur el sia hejmo ekzilitaj, ili povis kunirigi sian edzinon kaj siajn infanojn, sed ni estas forŝiritaj de ĉe niaj edzino kaj infanoj.

„Quo usque tandem“ ĉiu el ni sin demandas — aŭ ĉu estas ni elektitaj por eksperimento kaj ĉu oni faras provon je ni, dum kiom da tempo homoj elportas, ne frenezante, kaptitecon, animon kaj korpon detruantan? Ree la kruela Siberia vintro enmarŝis; por multaj el ni jam la sesa — kaj ĝi ree havos riĉan rikolton.

Ni scias, ke nia transporto hejmen renkontos grandajn malfacilaĵojn, ke ĝi postulas multe da tempo kaj da laboro, sed tiom pli granda estas nia malespero, ke ĝis nun ni nenion aŭdis eĉ pri preparo de hejmentransporto. Tamen ni havas la konvinkon, kaj tiun konvinkon neniu povas al ni depreni, ke, se ĉe la kompetentuloj ekzistus bona volo, se ni ne estus konsiderataj nur kiel aktoj sed kiel homoj, posedantaj hejme edzinon kaj infanojn, nia transporto hejmen rapide okazus. Ĉar ni povas ankoraŭ memori, ke antaŭ multe da jaroj, kiam ni estis ankoraŭ feliĉaj homoj, kaj ie en la mondo okazis katastrofo, la civilizita homaro pro kompato

rapidis helpi al la trafitaj de la katastrofo kunhomoj. Neniu katastrofo iam ajn estis tiome terura, kiome tiu milito tutmonda, kaj la malfeliĉaj oferitoj, la militkaptitoj en Siberio, ankoraŭ nun vane atendas, esti savataj. Ĉu ĉiu homa sento, ĉiu mizerikordo estas ekstermitaj? La historio de la mondo iun fojon ne la tutmondan militon kun ĝiaj teruroj kaj neniigaj dezertigoj sed la sen iu neceso longatempan kaptetenadon de senkulpaj homoj konsideros la plej grandan barbarismon de nia tempo.

Ni turnas nin al vi, Svisianinoj, — kiuj la plej bone komprenos malgajan sorton nian kaj de niaj gepatroj, edzinoj kaj infanoj hejme, ĉar ankaŭ vi estas patrinoj, havas edzon kaj gefratojn — kun la peto: „Helpu al ni! Havigu savon al ni!“ Ni kaj niaj bedaŭrindaj parencoj hejme starigos al la Svisia popolo por tiu nobla humana agado monumenton de danko en niaj koroj.

Krasnoje-Rieska apud Ĥabarowsk, Orienta Siberio, la 6an de Novembro 1919a. Matio Rumpelterz, militkaptito.

*

Tia krio ne estas malofta; ĉiu poŝto el Siberio alportis tiajn petegojn al malesperaj parencoj, kiuj vidas nenian eblecon, helpi al siaj malproksimege suferantaj karuloj. Ne nur al la Svisianoj estas direktota tiu krio porhelpa, ĝi tuŝu la korojn de ĉiuj mizerikordaj kompatemaj homoj en la tuta mondo.

Ĉu ne sufiĉis jam, ke ĉiuj teruroj de kvinjara tutmonda milito makulis ĝin per riveroj da sango, ĉu riveregoj da larmoj de senkulpaj infanoj, gejunuloj kaj gemaljunuloj en Eŭropo, de miloj da mizeregaj viroj en Siberio estas ankoraŭ necesaj, por certigi, ke la homaro neniel boniĝis de post la kruela tempo de la 30-jara Eŭropa milito?

Ne, for tiun malindon, katolikoj, pro la amo al proksimulo, kiu devas reviviĝi tutforte post la direktita de Satano malamo al proksimulo!

Helpu, helpu ĉiu bonkorulo katolika kontraŭ la daŭrigo de krueleco de kvinjara malliberiĝo en dezerto!

Mondonacojn kun afabla aparta avizo pri la dediĉo per poŝtkarto al la administranto de „Espero Katolika“ akceptas la bankkonto „Espero Katolika“, Allgem. Verkehrsbank, Wien. La monsumoj estos liveratai al la koncerna helpa komitato en Wien, la nomoj de donacintoj estos publikigataj en la numeroj de „Espero Katolika“. La direktoraro.

# Tra Aŭstrujaj Abatejoj.

De Pro Ludoviko Koller, O. S. B., Göttweig.

Monaĥejoj estis kaj estas stacioj sur la vojo al kulturo. Kiam la plimulto de niaj antaŭuloj estis idolanaj kaj la kultura vivo similis ankoraŭ al nokto, monaĥejoj ekbrilis kiel steloj sur malluma firmamento. Monaĥoj estis la pioniroj de universala kulturo laŭ spirito kaj materio dum tiu periodo. El siaj ĉeloj ili eliris ne nur, por prediki la Kristanan religion al la popolo, ili zorgis ankaŭ por aliaj ĝiaj bezonoj. Ili pruntedonis aŭ farmluis kamparojn al kolonistoj, montris la uzadon de utilaj aranĝoj, instruis en lernejoj geknabojn, savis kaj konservis literaturajn monumentojn el la antikva klasika tempo ktp.




**La Benedikt'ana abatejo Göttweig en Malsupra Aŭstrujo.**

Sciencama kaj artojn favoranta vivo ankaŭ dum Novtempo ne ĉesis floradi en la abatejoj. Kiamaniere ili en Aŭstrujo plenumis tiun taskon, tion montru la sekvontaj linioj.

La unuaj abatejoj sur la teritorio de la pli frue Aŭstria monarĥio estis fondataj dum la 8a kaj la 9a centjaroj per favoro de Bajuvaraj dukoj kaj de Karolidaj imperiestroj (Karolinger). Tiamaniere estiĝis la Benediktanaj abatejoj Sta Petro en Salcburgio ĉirkaŭ la jaro 700, Mondsee en Supra Aŭstrujo 748, Innichen en Suda Tirolio 769, Kremsmünster en Supra Aŭstrujo 777, Michaelbeuern en Salcburglando 758, St. Pölten (Hipolito) en Malsupra Aŭstrujo ĉirkaŭ 800 kaj aliaj monaĥejoj, kiuj nun jam ne ekzistas. En Bohemujo estas Brevnov apud Praha la plej malnova abatejo. Sed la plej favora tempo por la fondo de abatejoj estis la 11a kaj la 12a centjaroj, kiam koloniistoj el Bavarujo kaj el aliaj germanlingvaj landoj

firmigis la limojn kontraŭ popoloj el oriente kaj la loĝantaro konvertita al Kristaneco densiĝis.

La fondintoj de tiutempaj monaĥejoj estis precipe episkopoj de la Passaŭ 'a kaj la Salcburg 'a eparĥioj, Babenberg 'aj landestroj, slavaj nobeloj kaj diversaj grafoj. Laŭ la intenco de la fondintoj la abatejoj devis esti ne nur centroj por spirita kulturlaboro; la monaĥoj devis ankaŭ kulturigi teron, ekstermi aŭ maldensigi praarbarojn kaj estigi koloniojn. Ili devis — kiel oni kutimas diri — per propra diligento aliformi pramaterion en uzeblajn formojn.

Kompreneble ili ne ĉiam povis labori persone sur kamparo kaj en densarbaroj, ĉar ilia nombro en la diversaj Aŭstrujaj abatejoj ne estis granda. Tiun kulturadon prizorgis koloniistoj sub la gvido de abateja ekonomiisto. Unue la tuta terpropraĵo estis dividata en diversajn distriktojn, baldaŭ ree dividotajn, ĉar la popolnombro kreskis kaj novaj koloniistoj alvenis. La loĝantoj ja dependis de la monaĥejoj, sed tiu rilato ne estis prema, kaj multaj el la koloniistoj volonte submetis sin al la potenco de monaĥejestro. El tiu tempo devenas la proverbo: „Sub abateja bastono la vivado estas bona." La nomoj de multaj vilaĝoj kaj de aliaj lokoj ankoraŭ nun memorigas je fondiĝo per monaĥeja laboro.

Pri terkultura laboro kelkaj abatejoj havas specialan renomon. S^ta^ Petro en Salcburgio koloniigis vastajn regionojn en Bavarujo, Karintio kaj Malsupra Aŭstrujo; Kremsmünster maldensigis grandajn arbarojn en la sudorienta parto de Supra Aŭstrujo, kie vivis slavaj idolanoj dum la 9^a^ ĝis la 12^a^ centjaro. La norda parto de Stirio ricevis sian kulturon per la fama abatejo Admont. Jam dum la 13^a^ centjaro tie unu distrikto abateja ampleksis 150 vilaĝojn kaj du vilaĝegojn (foirejojn). La influo de tiu monaĥejo sentiĝis ankaŭ en Bavarujo kaj en diversaj regionoj de la cetera Aŭstrujo. Millstatt estis por Karintio la kulturcentro. Krom tio ni povas observi kulturlaboron de aliaj abatejoj, inter ili en Malsupra Aŭstrujo la famaj Benediktanaj en Melk, Göttweig, Seitenstetten, Wien-Schotten (Skotlandaj Benediktanoj), en Stirio S^ta^ Lambreĥto, en Karintio S^ta^ Paŭlo, en Suda Tirolio Marienberg, en Bohemujo Braunau, en Moravio Raigern, plue la Aŭgustenanaj prepozitejoj Klosterneuburg apud Wien, Herzogenburg en Malsupra Aŭstrujo, S^ta^ Floriano en Supra Aŭstrujo, Neustift en Tirolio, la Cistercanaj Heiligenkreuz apud Baden, Lilienfeld kaj Zwettl en Malsupra Aŭstrujo, Hohenfurth, Goldenkron, Ossegg en Bohemujo, la Premontreanaj Tepl kaj Strahov

en Bohemujo. La abatejoj en Ĉeĥujo alvokis koloniistojn germanlingvajn kaj fondis ne nur multe da vilaĝoj, sed eĉ urbojn.

Diversaj terproduktaĵoj estis enkondukataj de monaĥoj en Aŭstrujo: multaj specoj de greno, de legumoj kaj de arbofruktoj plibonigitaj, tiuj speciale de Cistercanoj. La kulturado de vinberoj same estis konigata de abatejoj, kiuj grandan teritorion vinberejigis. En montarregionoj ili enkondukis diversajn bovospecojn. Pro bezono de vaksaj kandeloj por Diservo la flegado de abelaroj prosperis. Kelkaj abatejoj malfermigis minejojn en metalriĉaj lokoj; salminejoj ekzistis sur la teritorio de Admont, de Kremsmünster, de S^ta^ Petro k. a., kupro kaj fero-minejoj dum Mezepoko estisekspluatataj precipe de Admont, monaĥejoj en Tirolio kaj en la nuna Ĉeĥo-Slovakujo (Hradisch, Sedletz, Plass) posedis eĉ or kaj arĝent-minejojn.

Ekzerco de materia kulturo estis zorgo de abatejoj ankaŭ dum la tempo post-Mezepoka. Ne nur novaj loĝantejoj estis fondataj (de Braunau kaj de Klosterneuburg, kiu estigis la ĝermon de la nuna Wien'a kvartalo Floridsdorf) kaj levis la produktadon el la tero, kelkaj abatoj havis ankaŭ intereson por industrioj. Apud Kremsmünster la unua papermuelejo estis konstruata en tiu lando jam dum la 15^a^ centjaro. Tie, same kiel en Braunau kaj en Ossegg, dum la 18^a^ centjaro drapoj estis fabrikataj. Por multe da loĝantoj ĉirkaŭ tiuj abatejoj tia fabrikado fariĝis fonto de bonstato. Antaŭ la tempo de la tutmonda milito famaj produktaĵoj estis liverataj el abatejoj: landrapo, fromaĝoj k. a. de Trapistoj en Reichenburg (Stirio) kaj en Mariastern (Bosnio), biero de Michaelbeuern (Salcburgio) diversspecaj nutraĵoj de Olivetanoj en Tanzenberg. La mondfama banloko Marienbad en Bohemujo estiĝis dank' al klopodoj de abatoj en Tepl.

(Daŭrigota). P^ro^ Lud. Koller, O. S. B.

---

# Ho, Jezukor'!

Esperantigis M. Mielert.

Ho, Jezukor', de mia kredo trezor';
Ho, Jezukor', de mia espero fervor';
Ho, Jezukor', kiun ardante mi amas:
Vin mi nun kaj eterne ne lasas!

(El: Blanka Kruco, Graz.)

---

# Movado de Esperanto.

---

## XIIa Universala Kongreso de Esperanto.

Hago, 8a — 15a de Aŭgusto 1920a.

Al la tutmonda samideanaro!

Post interkorespondado kun la Konstanta Komitato de la Kongresoj la Hag'aj Esperantistaj societoj decidis akcepti la inviton, okazigi la XIIan Univ. kongreson de Esperanto en nia reĝistara urbo 's Gravenhage (esp. Hago) dum la somero 1920.

Kompreneble ni ĉiuj interkonsentas, ke la ĝenerala spirito de la unua postmilita esp. kongreso (preparata en ne longa tempo) ne estos simila al tiu de niaj antaŭaj grandiozaj kongresoj. Sed, kiu venos Hag'on, por antaŭ ĉio viziti laborantan kongreson, celantan la restariĝon de niaj internaciaj rilatoj kaj la reorganizon de nia movado, tiu certe ne bedaŭros sian vojaĝon.

Sabaton, la 15an de Novembro, konstituiĝis nia loka kongreskomitato: ĉiuj kvar Hag'aj societoj harmonie kunlaboros. Membroj de la komitato estas jenaj samideanoj: Sro J. R. Isbrücker, prezidanto, Hoogeweg 68, Watergraafomeer apud Amsterdam, kiu komence de 1920a eksloĝos kun sia edzino en Hago, Sro J. L. Bruijn, sekretario-kasisto, Paul Krugerlaan, 37, Hago (por rekomenditaĵoj aldonu ĉe la adreso: Poŝtkontoro de la Reykade), Fno N. Bonn, Sno J. C. Isbrücker-Dirksen, Sroj W. A. Kaupe kaj H. C. Mees (ĉiuj membroj de „Fine ĝi venkos"), Sroj H. Laarhoven kaj Marrevee, membroj de Romankatolika esp. societo, Sroj F. J. Visser, J. H. Visser kaj M. P. de Wilde (membroj de tramista klubo „Ĉiam antaŭen"), Sroj H. Kratz kaj L. van Munster (membroj de Ĝenerala Hag'a Laborista Esp. Klubo). La prezidanto kaj la sekretario sidos en la Konstanta Komitato de la Kongresoj.

Diversaj subkomitatoj por enloĝigo, ekskursoj ktp. estos formataj.

Al KKK estas submetataj por aprobo jenaj decidoj:

1e okazigi la kongreson en la unua semajno de Septembro 1920a;

2e fiksi la kongreskotizaĵojn je 10 Nederlandaj guldenoj;

3e permesi, ke samideanoj el landoj kun malfavora monkurzo (ekz. Germanujo, Aŭstrujo, Francujo, Belgujo, ĉiuj novaj Eŭropaj ŝtatoj k. c.) pagu sian kotizaĵon en Majo 1920a, kiam supozeble la malaltaj kurzoj almenaŭ iom pliboniĝos;

4e formi garantian fundon per enskriboj de sumoj po 25 guldenoj.

Karaj Gesamideanoj,

jen la unuaj komunikoj pri la XIIa 'Depost kiam vi estos legintaj ilin, eklaboru por nia kongreso, ke ĝi fariĝu sukceso. Ni kalkulas je almenaŭ 400 kongresanoj diversnaciaj, kaj samideanoj el Anglujo, Svisujo, Hispanujo, Skandinavio kaj Nord-Ameriko sendu jam nun kotizaĵojn (mondonacon ni ankaŭ ne malŝatos!), por faciligi al ni la preparadon de la kongreso. Monsendojn oni faru rekte al la „Residentiebank“ en Hago (ne al la kasisto!), kiu malfermis kongreskonton.

Kun samideanaj salutoj J. L. Bruijn,

sekretario de la Loka Kongreskomitato.

* * *

## 2a komuniko.

Kongressemajno. La loka komitato, ricevinte multajn plendojn pri la maloportuneco de la unue elektita semajno (unua semajno de Septembro), pro kio multaj samideanoj el la publika instrua mondo ne povus partopreni en la kongreso, decidis ŝanĝi la datojn en la 8an ĝis la 15a de Aŭgusto. Ĝi ne decidis tion facilanime, ĉar la laboroj de la enloĝiga komisiono fariĝos multe pli pezaj pro tio, ke en Julio kaj Aŭgusto, la vakancmonatoj, Hago enloĝigas multajn gastojn.

Kongresejo. Mi ĵus ricevis la ĝojigan komunikon de la koncernata ministro, ke li cedos al ni por la grandaj kongreskunvenoj la plej malnovan kaj historian salonegon en Hago, nome la „Ridderzaal“ (Salonego de la kavaliroj) sub kelkaj plenumotaj kondiĉoj. Precipe de niaj eksterlandaj amikoj venis la instigo, klopodi, por akiri la Pacpalacon, duavice la Salonegon de la kavaliroj. Ĉar la estraro de la Carnegie-fondaĵo, kiu administras la Pacpalacon, ne cedas la palacon por aliaj celoj ol por la oficialaj packongresoj, nia tuta espero estis je la Salonego de la kavaliroj.

Honora Komitato. Ĝis nun ni sukcesis varbi por nia honora komitato la jenajn konatajn personojn:

Sno S. van Rees-Broese van Groenou,

Sno E. J. Wijnaendts Francken-Dijserinck,

Sro Mr. J. Patijn, urbestro, kiu fariĝos honora prezidanto,

Sro Mr. J. B. Bomans, Romankatolika parlamentano, skabeno en Harlem,

Sro W. K. Brevet, direktoro de la Residentiebank,

Sro prof. Dro D. van Embden, liberal-demokrata senatano, profesoro de sociologio kaj statistiko ĉe la Amsterdam'a universitato,

Sro Dro H. E. van Gelder, urba arĥivestro,

Sro prof. Dro A. F. Holleman, profesoro de ĥemio ĉe la universitato de Amsterdam,

Sro H. van Kol, social-demokrata senatano,

Sro H. Koppel jr., eks-prezidanto de la Hag'a komerca ĉambro,

Sro H. Ch. G. J. van der Mandere, pacifista ĵurnalisto kaj literaturisto,

Sro F. J. van Paasschen, direktoro-ĉefredaktoro de la ĉiutaga gazeto „De Avondposta“,

Sro Dro F. E. Posthuma, eks-ministro de agrikulturo, industrio kaj komerco, direktoro de la mutuala koopera labordona societo „Centraal Beheer“,

Sro Mr. Dro H. J. Romeijn, eks-skabeno,

Sro Dro J. Schoemaker, ĥirurgo ĉe la urba malsanulejo,

Sr. Mr. J. M. van Stipriaan Luiscius, advokato kaj prokuroro, aŭtoro de „Karaktero“,

Sro Nico van Suchtelen, verkisto,

Sro Justus Tal, super-rabeno en Utrecht.

Financoj. Kompreneble la tempo inter la apero de la unua kongreskomuniko kaj la forsendo de la dua estis tro mallonga, por povi esperi gravajn rezultojn. Kelkaj Nederlandaj samideanoj jam sendis siajn kotizojn, faris mondonacojn aŭ enskribis por la garantia fundo (enskribo) akceptataj po 25 guldenoj.

Mi esperas, ke la eksterlandaj samideanoj komencos de nun sendi siajn kotizojn, event. mondonacojn, kun klarigo al la Residentiebank. Enskriboj por la garantia fundo estu adresotaj nur al la sekretario-kasisto.

La kongressekretario:
J. L. Bruijn.

* * *

## 3a komuniko.

Honora komitato. Estas ankoraŭ varbitaj: Sno E. Coops-Broese van Groenou; Sro A. J. E. A. Bick, eks-urba konsil., estrarano de la Hag'a societo porfremdula; Sro Dro H. Blink, profesoro ĉe la Agrik. Univ. en Wageningen, prezid. de la soc. por Ekonom. Geografio; Sro Cyriel Buysse, verkisto; Sro Dro J. A. Cramer, pre-

dikisto ĉe la Nederl. Reform. eklezio; Sro Dro L. Deckers, rom.-kat. parlamentano, membro de la Alta Laborkonsilantaro; Sro Edo Fimmen, sekr. de la internacia metia ligo kaj de la intern. transp.-laborista federacio en Amsterdam; Sro P. H. van der Ley, direktoro de la edukejo por instruistoj en Harlem; Sro bar. F. W. H. C. van Tyll van Serooskerken, prezid. de la Nederl. soc. porfremdula; Sro Ds. J. C. Wannée, liberreligia predikisto; Sro A. W. E. Weijerman, direktoro de la Hag'a tramvoja societo.

Garantia fundo. Entute 18 enskriboj, sume 450 guldenoj, ĉiuj de Nederlandanoj. Espereble la enskriboj de eksterlandanoj ekalvenos.

Donacoj. Entute 282 guldenoj. Ni varme instigas niajn plibonstatajn samideanojn, ne nur pagi kotizon, sed krom tio ĝojigi la kongreskomitaton per mondonacoj. Ili ja permesos al ni fari elspezojn, kiujn la trolimigita buĝeto, fiksita je kotizoj po 10 guldenoj (kio ebligas nur la necesajn kostojn) ne permesas.

Provizoraj prezoj. Diversaj samideanoj jam petis al ni informojn pri la diversaj prezoj por la restado en Hag'o dum la kongressemajno. Estas la tasko de la enloĝiga komisiono, post detala esplorado fiksi klastarifon por la elspezoj de loĝado kaj de manĝado. Sed tiu grava laboro ne ankoraŭ estas finita. Tamen, por provizore kontentigi la scivemulojn, ni estas rajtigitaj, komuniki, ke la minimumaj prezoj verŝajne estos: Transnoktado kun matenmanĝo fl. 3, lunĉo fl. 2 kaj vespermanĝo fl. 3, kune 8 guldenoj po tago kaj persono. La rilata komisiono verŝajne sukcesos aranĝi komunajn lunĉon kaj verspermanĝon. Oni atentu, ke depost la militego la prezoj por vivonecesaĵoj en nia lando proksimume duobliĝis.

Kotizoj. En nia unua komuniko ni klarigis, ke, por komplezi al samideanoj el landoj kun tre malfavora kurzo je Nederlando, ni volus akcepti kongresaliĝojn kun permeso, prokrasti la pagojn ĝis en Majo, kiam espereble la kurzoj estos iom pli favoraj. Kompreneble ni aranĝis tion por neriĉaj kongresanoj. En kiu ajn lando oni loĝas, oni helpos nin plej efike per tuja, kaj ne per prokrastita pago de la kotizoj.

La kongressekretario:
J. L. Bruijn.

„**Deutscher Esperantodienst**“ **Berlin, S 59**, intencas aranĝi komunan vojaĝon (karavanon) komenciĝontan en Berlin. Detalaj informoj sekvos. Samideanoj, intencantaj viziti la kongreson, estas petataj, konsideri ankaŭ eventualan aliĝon al tiu karavano.

# Fondo de „Ligo de Katolikaj Esperantistoj en Germanujo“.

## La 4an ĝis la 6a de Oktobro 1919a.

La 4a de Oktobro 1919a alportis por la Esperantistoj en Breslaŭ kaj por la alrapidintaj el malproksimaj lokoj delegitoj de la ceteraj Esperantistaroj en Germanujo la gravajn priparoladojn kaj preparadojn. El Bromberg lia prepozita moŝto Sro **Becker**, prezidanto de la tiea grupo kaj honora prezid. de Unueco-Breslaŭ, el Nürnberg lia kaplana moŝto, Sro Dro **Hotzelt**, prezid. de K. E. G. Nürnberg kaj Fürth, el Graz lia paroĥestra moŝto Sro Dro **Metzger**, gvidanto kaj kunfondinto de la organizo por tutmonda paco „Blanka Kruco“, estis alveninta; Beuthen a. S. krom ceteraj sian prezidanton Sron ĉeflernejestron **Knopf**, Schweidnitz Sro **Stabler** estis alsendintaj.

La prezidanto de la Katol. Esperantosocieto Breslaŭ, Sro gimnazia instruisto **Mielert**, salutis la venintojn kiel helpantojn al tre grava konstruaĵo.

Sur la tagordo estis:

Statutoj, elekto de la Ligo-estraro, celoj de la Ligo, Ligo-presorgano ktp.

Nur de Sro Dro **Hotzelt** ekzistis propono, malaprobanta samtempan akcepton kaj kunlaboron de „Blanka Kruco“ en la Ligo kaj la statutojn kaj petanta klarigojn pri tio. Debatoj iom longaj rezultigis per voĉdono, ke 13 rajtigitaj por elekto voĉoj estis por, kontraŭ, 10 voĉoj akcepto.

Tiam la statutoj post detala priparolado estis akceptataj, pri kio jeno estas ankoraŭ rimarkinda:

„Membro fariĝas ĉiu katolika Esperanto-grupo de minimume 5 anoj; ĉiu loka unuiĝo havas dum la kunsido unu voĉon por 50 membroj, por ĉiuj ceteraj unu pluan voĉon. Ĉiu grupo pagas por si jarkotizon de 5 Mk., por ĉiu el ĝiaj anoj 1 Mk. Por tiu mono al la anoj de ĉiuj grupoj „Blanka Kruco“ kiel Ligo-organo estas liverata senpage, eldonota provizore dum ĉiu dua monato.

La estraro konsistas el la efektiva kun minimume 3, maksimume 7 membroj kaj la konsilantaro, kiun formas ĉiam la delegitoj de la diversaj lokaj unuiĝoj.“

Propono de Sro Dro **Hotzelt** pri fondo de tri provincpartaj Ligoj (Sudo, Nordo, Oriento) kun apartaj estraroj, sed centra komuna estraro, voĉdone estis malaprobata, same elekto de religia konsilantaro. Sed estas fiksite, ke ĉiam unu kleriko devas esti en la estraro.

La elekto-rezultoj por la efektiva estraro estis: prez. S$^{ro}$ gimn.-instr. Mielert, Breslaŭ; protok.: S$^{ro}$ bankofic. Menz, Breslaŭ; kas.: S$^{ro}$ komerc. Berger, Breslaŭ, plue.: S$^{ro}$ instr. Baumgart, S$^{ro}$ Berger, Breslaŭ, S$^{ro}$ prepoz. Becker, Bromberg, S$^{ro}$ Stabler, Schweidnitz.

Samtempe estis decidate, ke rilate al estrarelekto la plimulto de elektitoj estu en la sidejo de la Ligo-estraro. Al lokaj statutoj kiom eble libereco estu lasata; kotizo por unuopaj membroj estu 6 Mk. antaŭpagotaj.

La 5$^{a}$ de Oktobro komencis per solena Esperanto-grandmeso en la gimnazia preĝejo S$^{ta}$ Mattio. La edifanta solenaĵo, dum kiu lia prepoz. moŝto S$^{ro}$ Becker diris predikon tuŝantan la korojn en mirinde klara Esperanto, faris gravan impreson, pligravigatan per la artplena reprodukto de la Schubert-meso „Al kiu min mi turnu“ kaj de la komponita de S$^{ro}$ Mielert, kortuŝanta „Saluton, Maria“ kantataj de S$^{no}$ Schöber kaj de F$^{no}$ Sarnes.

La festa kunsido okazis je la 11$^{a}$ en Vincenzhaus. Inter la multnombro de gastoj ĉeestis S$^{ro}$ prof. lib. bar. de Kleist, Breslaŭ. La prezid. S$^{ro}$ Mielert malfermis la kunsidon per rigardo supren al nia glora patronino Mario; post tio li priparolis la historian evoluon de Esperanto kaj konvikige prezentis la celon de la katolika Esperanto-movado. Detale li klarigis tiam la celojn de la nova Ligo, el kiuj estu citata ĉi tie nur jena unu:

Alproksimigo de katolikoj ĉiulandaj sur la fundamento de D$^{ro}$ Zamenhof, ilia kunigo en potenca falango kontraŭ senkredemo, por akcelo de kulturaj kaj idealaj celadoj ĉiuspecaj sur Kristaneca bazo.

La parolon akceptitan kun forta aplaŭdo sekvis paroloj de la diversaj delegitoj el eksteraj regionoj.

Beligata estis la solenaĵo per impresiga recitado de tradukita en germanan lingvon La vojo de D$^{ro}$ Zamenhof per F$^{no}$ Gulitz kaj la komponaĵo de la prez. S$^{ro}$ Mielert „Saluton, Maria“, belsone kantata de S$^{no}$ Schöber kaj de F$^{no}$ Sarnes.

Komuna tagmanĝo en Schultheiss-trinkejo kunigis la gastojn kaj la membrojn, kiun sekvis sufiĉe etendigita promenado tra Breslaŭ, gvidata de la protok. S$^{ro}$ bankofic. Menz. Belega brilo de la suno ĉirkaŭfluis la interesajn vedutojn de nia urbo kaj instigis ankaŭ la gastojn al senbara admiro; kelkaj el ili, precipe el Suda Germanujo, estis venintaj kun la konataj antaŭjuĝoj Breslaŭ'on kaj apartenas nun al ĝiaj defendantoj.

Ĉirkaŭ la 6ª en la preĝejo Sta Mattio okazis homilio pri la katol. Ligo interpopola, dirata de nia gasto, lia paroĥ. moŝto Sro. Dro Metzger el Graz. Liaj vortoj, penetritaj de arda amo al la homaro, restos al multaj neforgeseblaj. La tagon finis amuza kunestado en Vincenzhaus, al kies sukceso helpis kanto-prezentadoj de Fno Sarnes, bonhumoraj skizoj de lia prepoz. moŝto Sro Becker kaj gajaj paroladoj de Sroj Baumgart, Aust kaj Menz.

Lundón, la 6an de Oktobro, la gastoj vizitis ankoraŭ la ekspozicion „Supra-Silezia arto kaj kulturo", kaj ferma vespero en la Breslaŭ'a kat. Esperanto-Societo Unueco estis por ili aranĝata.

Do, la intimaj interrilatoj, ligintaj la kat. Esperantistojn el la tuta Germanujo dum tiuj tagoj, fariĝu daŭraj, por floranta konstruo de nia Ligo, por akcelo kaj efektivigo de la katolika ideo tutmonda per Esperanto.

* * *

## La prediko de la prepozito Becker, Bromberg.

Kia ĝojo plenigas niajn korojn, karaj gefratoj, ke nia katolika internacia movado ne haltiĝis per la terura mondmilito, sed nun progresas kaj grandan jam paŝon antaŭeniria. Danke ni memoras pri la pacaj batalantoj kaj fervoraj pioniroj de nia ideo, kiuj estas ligitaj kun ni per la plej bela ligilo, per sama kredo kaj sama amo. Kelkaj el ili intertempe mortis, plenuminte sian devon sincere kaj konscience, inter ili nia pia sekretario Colas, kiu tiom diligente kaj senlace laboris, precipe dum nia Roma kongreso. Dio donu al ili pacon eternan!

La ekzemplo de tiuj fervoruloj vivas en niaj animoj kaj instigas nin al simila fervoro. Tial ankaŭ mi, kvankam tute ne sana kaj tro okupita, tamen volonte prenis sur min la honoran taskon, prediki okaze de la fondiĝkunveno de la Germana Ligo de Katolikaj Esperantistoj, por ankaŭ miaflanke kunhelpi je la efektivigo de niaj bonaj deziroj kaj intencoj. Des pli mi estas preta, servi al nia sankta afero, ke ni kunvenas en la komenco de l'monato Rozario! Ni elektis ja nian ĉielan patroninon kiel patroninon de nia Internacia Unuiĝo. Ke la sankta Maria, kiun ni ĉiuj amas infankorege, benu nian nunan kunvenon kaj preĝu por ni, ke nia laboro ne estu sensukcesa, ke ni povu kunlabori pri pacigo de la mondo!

Jen, kion ni ĉiuj deziras, pacon kaj harmonion — jen, pri kio ni ploras, la batalo kaj malpaco! Ni scias ĉiuj la volon de Dio, ni aŭdas la vorton de la hodiaŭa sankta Evangelio: „Vi amu la

proksimulon kiel vin mem!“ Kial do la homaro malobeas Dian ordonon? Ho, kiel bela estus la vivo sur nia tero, se ne estus envio kaj malamo, mensogo kaj malvero, venĝemo kaj malamikeco! Se ne estus sur la tero malsatuloj, trompitoj, persekutitoj, premegitoj, se ni aŭdus ĉie nur simplanimajn vortojn, se ni vidus ĉie nur sincerajn rigardojn, se ni rimarkus nur oferajn agojn, tiam jam la paradizo, la ora epoko komenciĝus en la mondo! — Ĉu tia feliĉa kunvivo de la homoj ne estas ebla, karaj geamikoj? Ni aŭskultu, kion skribas la sankta Evangeliisto Luko pri la unua Kristana komunumo en Jeruzalemo: „La anaro de la kredantoj estis unukora kaj unuanima, kaj neniu diris, ke io el lia havaĵo estas lia propraĵo, sed estis ĉe ili ĉio komuna, kaj granda graco estis sur ĉiuj. Ne iu inter ili estis mizerulo, kiom el ili estis posedantoj de bienoj aŭ domoj, tiuj vendis ilin kaj alportis la monsumon de la venditaĵoj kaj metis ĝin antaŭ la piedojn de la apostoloj, kaj estis disdonate al ĉiu laŭ ĉies aparta bezono.“

La samon nun aranĝi estas certe neeble — tamen la Kristanaro, eĉ la tuta homaro povus esti unukora, povus esti pacema! „Amu la proksimulon!“ La virto de homaro igas nin deziri ĉion bonan al ĉiu homo, al kiu ajn nacio aŭ religio li apartenas, kiun ajn lingvon li parolas; ĝi igas nin klopodi pri lia bonfarto kaj bonstato. La reguloj, laŭ kiuj la vera Kristano pensas, deziras kaj agas je la proksimulo, estas jenaj: „Ĉion, kion vi deziras, ke la homoj faru al vi, tion vi faru al ili!“ kaj: „Vidu, ke vi neniam faru al alia, kion vi ne volas, ke al vi fariĝu de alia!“

Sed la vera, pura, supernatura homamo estas frukto kreskanta nur sur la arbo de Kristana religio. La Izraela nacio havis certe grandan samgentan amon, sed oni ne konis la superan universalan amon, kiun predikis kaj praktikis Kristo. Tion pruvas la centjara malamikeco de Izraelo kontraŭ la Samaritanoj. Kaj la idolanoj tute ne sciis, kion signifas la vortoj: homamo, kompatemo, almozo ktp.

La unua, kiu instruis la homojn pri la amo al proksimulo, estis Jezuo, li unue ekbruligis la fajron de l'homamo en la mondo: Mi alvenis, por sendi fajron sur la teron, kaj ĉu mi ne volas, ke ĝi ekbruliĝu? — Senlace li admonas pri la homamo. Amu la proksimulon kiel vin mem! — Kiam li volis morti por ni, dum la lasta memorinda vespermanĝo, li faris kvazaŭ testamenton, dirante al la disciploj: Novan ordonon mi donas al vi, ke vi amu unu la alian, kiel mi amis vin, tiel vi ankaŭ amu unu la alian. Per tio ekkonos ĉiuj homoj, ke vi estas miaj disciploj, se vi havos amon unu al alia.

— Mi lasas al vi pacon; mian pacon mi donas al vi, ne kiel la mondo donas, mi donas ĝin al vi. — Kaj denove: Jen estas mia ordono: Vi vin amu reciproke, same kiel mi vin amis. Kaj fine la kortuŝanta preĝo de nia dia Savinto: Patro sankta, pro via nomo, gardu tiujn, kiujn vi donis al mi, por ke ili estu unu, same kiel ni! Senĉese li mem agis laŭ siaj vortoj; helpante al la mizeruloj, malriĉuloj kaj pekuloj. La ordonojn de sia majstro plenumis la disciploj. Kiom ili suferis kaj kion ili malhavis libervole, predikante ĉie la novan ordonon de la homamo! Neniu faris tion tiel entuziasme, neniu tiel elokvente kaj belparole, kiel la sankta Paŭlo, kiu laŭdis la homamon: Se mi parolus la lingvojn de la homoj kaj de la anĝeloj, sed ne havus la amon, mi fariĝus sonanta bronzo aŭ tintanta cimbalo! Kaj se mi posedos la profetpovon kaj konos ĉiujn misterojn kaj ĉiun sciadon, kaj se mi havos ĉiun fidon, tiel, ke mi povos transmeti montojn, sed ne havos amon, mi estos nenio. Kaj se mi disdonos ĉiujn miajn havaĵojn, por nutri la malsatulojn, kaj se mi transdonos mian korpon, ke ĝi bruliĝu, sed ne havos amon, mi neniom profitos. La amo longe suferas kaj bonfaras, ĉion toleras, ĉion kredas, ĉion esperas, ĉion paciencas; la amo neniam pereas.

Kiam la aliaj disciploj jam mortis, kaj nur la korulo de la Sinjoro restis, la sankta Johano, li, kvankam preskaŭ centjara, senlace laboris, por varbi novajn animojn por Kristo. Ne povante plu iri en la preĝejon, li estis portata tien de la disciploj. Sed li, kiu tiel entuziasme parolis pri la filo de Dio, nun diris nur: Miaj karaj infanoj, amu vin reciproke! Kaj demandite, kial li la samon ripetas, li respondis: Jes, miaj karuloj, amu vin reciproke, kaj tion farante vi faris ĉion! Li, la apostolo de la amo, diris la vorton: Kiu ne amas la fraton, restas en la morto.

Tiu grandanima amo kondukis la homaron al Kristo. La idolanoj admiregis la sindonan homamon de Kristanoj: Vidu, kiel ili amas unu la alian! Kaj unu el ili, la mokanta Lucio, eĉ tiu devis konstati: Estas mirinde, kiel ĉi tiuj homoj helpas sin reciproke. — Ĉu tia homamo jam malaperis tute? Ĉu ni ne vidas la batalon de unu kasto kontraŭ la alia? Kial do ne estas paco en la mondo? La kaŭzo de la malpaco estas la forigo de l' kredo, la malobeemo al la Eklezio! Por la malsana societo ekzistas nur unu kuracisto: Jezuo! La homaro devas reiri al la Eklezio, reveni al la sankta kredo! En la antikva Romo la Plebejoj premegitaj iam elmigris sur la sanktan monton, serĉante savon de sia malfeliĉo; tiel nun la malsana mondo povas nur trovi savon sur la sankta monto, sur

kiu Kristo fondis sian Eklezion! La Eklezio montras la vojon al la paco senerare, la Eklezio helpas nin per la graco, kiu venas el la sanktega koro de Jezuo. Tie, el la sankta koro de Jezuo, eliras radioj de amo kaj de paco. Ho, ke la radioj retiru ĉiujn homajn korojn al la bona koro de Jezuo, por ke en tiu ĉi amofajro ekbruliĝu la malvarmaj koroj de la homoj. Ho, sankta pacoprinco, ĉiopova Savinto, donu al ni la pacon, donu al ĉiuj homoj la amon al la proksimulo!

Karaj gefratoj! Nia iam tiom potenca patrujo nun malforta apenaŭ vivas. La malfeliĉo kaj malkonsento faligis ĝin teren. Kvazaŭ fulmotondro venis sur nian malfeliĉan patrolandon jam sufiĉe ruinigitan per la kvarjara mondmilito, per muĝanta kaj bruanta revolucio. Kvankam multaj malbonaj kaj putraj institucioj disfalis, tamen ankaŭ multaj bonaj aferoj estas superŝutitaj per la ruinoj. Do, ni eklaboru diligente, por ke denove reviviĝu la katolika vivo, progresu la katolika movado! Estas ja la plej grava, plej sankta afero, pri kiu ni pensas, nia kredo, nia Eklezio, nia katolika mondpercepto. Do, ni forigu el niaj koroj ĉion, kio povas malutili! Nin ĉiujn kunigu la amo al Kristo kaj al Maria! En paco kaj unueco ni venkos! Ni havas ja nur unu politikon, tio estas la amo al la Eklezio; ni de tuta koro donu nin al nia sankta kredo, kiu venkis la mondon kaj ankaŭ nun ne estos malforta. Kuraĝe antaŭen! Antaŭen kun kredo pro Kristo kaj Eklezio! Amen.

* * *

## Katolika Esperanto-societo Unueco.

Breslaŭ, la 25an de Aŭgusto 1919a.

Kiel invito al la fondo de „Ligo de Katolikaj Esperantistoj en Germanujo“, pri kiu ni ĵus raportis, eliris al la katolikaj samideanoj germanlingvaj dum Aŭgusto pja jena letero, kiun ni ĉi-tie represigas, por kompletigi la historion pri la fondo de tiu grava por Germanujo Ligo.

Karaj samreligianoj kaj samideanoj!

Ni staras ĉe la sopirita celo. En la komenco de Oktobro nja en Breslaŭ, tiu urbo, el kiu de la fino de la 1916a ĉiam ree eliris en la Germanajn landojn la voko, revivigi la katolikan Esperantomovadon, fondi ĉie grupojn kaj kunligi ilin en potenca „Ligo de germanaj katolikaj Esperantistoj“, okazos la konstituiga kunsido de tiu Ligo.

Kore ni invitas vin ĉiujn al tiu, ja konsciaj pri la nuntempe grandaj malfaciloj, sed ankaŭ pri la granda oferemo loĝanta ĝuste en la Esperantistoj kaj iganta ilin ne timi iajn malhelpojn.

Ĉiu Esperantisto, kiu lasttermine ĝis la 20ª de Septembro njª anoncos sian partoprenon al la subskribinto de tiu ĉi letero, ricevos precizan programon, kiu nuntempe ankoraŭ ne estas fiksa en ĉiuj detaloj.

Tre dezirata estas preciza anonco de la tago de alveno, se iel eble ankaŭ de la vagonaro, de la daŭro de restado kaj, ĉu partopreno en komuna tagmanĝo la 5ªⁿ de Oktobro njª estas dezirata.

Intencitaj estas iliatempe;

1ᵉ la 4ªⁿ de Oktobro 1919ª vespere je la 6ª en Vincenzhaus, Seminargasse, Kaiserzimmer, saluto al la gastoj; lasta konsiliĝo pri la statutoj kaj fina ilia akcepto. Elekto de la Ligo-estraro.

2ᵉ la 5ªⁿ de Oktobro 1919ª Diservo kun prediko en Esperanto. Je la 11ª festa kunsido. Posttagmeze rondiro tra Breslaŭ. Vespere amuza Esperanto-kunveno.

3ᵉ la 6ªⁿ de Oktobro 1919ª por la partoprenantoj, al kiuj restas ankoraŭ tempo, ekskurso sur Zobten-monton. Ferma kunsido.

De la frua posttagmezo la 4ªⁿ de Oktobro membroj de nia Unueco, koneblaj per la verda stelo, estos en la ĉefa stacidomo en la granda komunikejo sub la horloĝo (ĉefa enirejo) pretaj por akcepto kaj por informoj. Privata loĝejo garantiita de niaj membroj.

Do, karaj amikoj de Esperanto, antaŭen, Breslaŭ'on, al tiu maljuste tiom ne ŝatata laŭ ĝia valoro „cindrulino" inter la Germanujaj urboj, kiu efektive estas pli riĉa ol la ceteraj fieraj fratinoj en impresiga karakteriza signo de estinto riĉa de kreitaĵoj de arto.

Antaŭen ja ankaŭ Breslaŭ'on, al tiu malnova, respektinda urbo episkopeja, ĉar ni devas potence starigi nian de longatempe celitan ligon kiel Germanujan provincan organizon de „Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista", kiel brilan simbolon de vere „katolika" percepto de vivo kaj de religio!

Ne lasu nin vane atendi vin! Neniu forrestu, al kiu permesas tempo kaj cirkonstancoj, viziti nin, kaj kunirigu ankaŭ „Ne-ankoraŭ-Esperantistojn" kiel gastojn. Kiu estas devigita forresti, tiu sendu siajn proponojn kaj dezirojn ĝis la 20ª de Septembro njª al la subskribinto, Breslaŭ'on, X., Werderstraße 35ª.

Kun fidele katolika saluto Esperanta

M. Mielert,

prezidanto de Unueco, delegito de la katol. Esperantistoj en la Leipzig'a ĉefa komitato de la unuiĝintaj Esperantisto-Ligoj en Germanujo.

---

# Aŭstria Katolika Ligo Esperantista (AKLE).

En tre severa, precipe por la mizera nova German-Aŭstrujo, tempo komencis AKLE la 25an de Januaro 1920 la okan jaron de ekzisto per ĝenerala kunveno en la pedagogejo en Wien, I., Hegelgasse 12a. Dum tiu tago nek tramvagonoj veturis en la urbo, nek personvagonaroj sur la fervojoj. Tamen granda nombro de fidelaj Liganoj kunvenis eĉ el la plej malproksimaj kvartaloj en la centron de la grandurbo. La prezidanto de la Ligo, Pro provincialo F. Meŝtan, Schol. piar., loĝanta en Krems a. D., ankaŭ persone ne povis partopreni en la ĝenerala kunsido posedante nek aerveturilon nek „sepmejloj-botojn".

Vicprez. Siedl malfermis la kunvenon kaj laŭtlegis leteron de la prezidanto kun tre ĝojiga aldono—letero de la episkopo en St. Pölten al la prezidanto Pro Meŝtan, kies enhavo, esperantigite, estas jena:

St. Pölten, la 19an de Januaro 1920.

Via provinciala moŝto!

Kun granda intereso mi akceptis la sciigon pri la helpa agado de „Katolika Ligo Esperantista" en Nederlando por la infanoj en Krems. Mi ĝojas, ke la Esperanto-movado progresas tiom bone ankaŭ en Aŭstrujo, kaj mi petas vin, bonvolu komuniki al la ĝenerala kunveno de AKLE, okazonta en Wien la 25an de Januaro 1920, miajn plej bonajn bensalutojn.

Altestime † Johannes Rößler,
episkopo.

La kunvenintoj aŭskultis tiun aprobon kun entuziasmo kaj decidis konvenan dankesprimon al lia episkopa moŝto per la prezidanto. Tiam la vicprez. Siedl raportis pri memorindaj okazintaĵoj rilataj al la katolika Esperanto-movado dum la pasinta jaro, i. a. pri Esperanto-kursoj en Wien kaj Krems, la festo de la 10-jara ekzistado de „Nederlanda Katoliko", la 24an de Aŭgusto 1919a en Rotterdam, la fondo de „Germana Ligo de Katolikaj Esperantistoj" en Breslaŭ, la 4an ĝis la 6a de Oktobro 1919a, la restado de Pro Wouter Lutkie el Gemonde (Nederlando) en Wien, kiu partoprenis en la helpagado por Wien'aj infanoj. Estante fervora Esperantisto, li vizitis ankaŭ la Esp. klubojn en Wien kaj parolis pri sia entrepreno, al la katolikaj Esperantistoj speciale pri la katolika movado en Nederlando. Pluaj raportoj rilatis al la Zamenhofmemorfesto, arangita de ĉiuj Esperanto-Unuiĝoj en Wien, la 18an de Decembro 1919a. Post la aprobo de la protokolo pri la pasintjara ĝenerala kunveno okazis la elekto de la estraro, la destino pri

la jarkotizo (5 K), raporto pri la monstato de la Ligo kaj pluaj decidoj kaj proponoj. La meritplenaj laboroj de la Sroj Pro provinc. Meŝtan, direktoro Schamanek kaj A. F. Müller por Esperanto estis aplaŭde menciataj.

La nuna estraro de AKLE kaj de ĝia grupo Wien estas: Honora prezid.: Sro kortega konsilanto Jungwirth, prezid.: Pro provinc. Meŝtan, vicprezid. Sroj Schröder, Siedl kaj Ulm, sekr.: Snoj Siedl kaj Rauecker, kas.: Sroj Winkler kaj Deistler, reviz.: Sroj Zarda, Bischof, Sno Mayrleb; fine dek konsilantoj.

La Liganoj kunvenas ĉiumerkrede en Wien, VIa, kafejo „Wienzeile", Linke Wienzeile 36a.

Informoj estas riceveblaj de la vicprez. Sro Ludoviko Siedl en Wien, XVa, Robert Hamerlinggasse 9a.

---

# Esperantista konferenco en Paris.

En la tagoj de la 21a ĝis la 25a de Septembro 1919a okazis en la Francuja ĉefurbo Esperantista konferenco, en kiu ĉeestis anoj de la Esp. Lingva Komitato, de la Konstanta Komitato de Kongresoj, de la Administra Komitato, de la Internacia Unuiĝo de Esp.-Societoj, prezidantoj de naciaj Societoj kaj la direktoro de U. E. A.

La konferenco, konsiderante, ke la nuna stato de la mondo pli ol iam postulas la uzon de internacia lingvo, deziris reorganizon de nia movado kaj petis la Centran Oficejon, ke ĝi prezentu al la koncernaj organizaĵoj kiel dezirojn kaj rekomendojn de la konferenco rilate al la

Lingva Komitato:

La L. K. elektu novan prezidanton, por anstataŭigi Sron Boirac. — La Akademianoj, kiuj ĝis nun ne respondis al la cirkulero, ricevos novan inviton; poste la laboro estos daŭrigata kun la partopreno de la respondintoj. — Ĉiu persono, kiu deziras ŝanĝojn en Esperanto, sin turnu al la L. K., ĉar sole tiu institucio havas la rajton, solvi la lingvajn demandojn. — La metodo, starigi novan formon de lingvo, estas tute neregula kaj anarĥia; ĝi kredigas al la publiko, ke Esperanto havas konkurantojn, kaj tiamaniere ĝi malhelpas plenan sukceson de Esperanto kaj la ĝeneralan ideon pri lingvo internacia. Ĉi tiukaŭze la konferenco esprimas la deziron, ke Sro Saussure aŭ ĉesigu sian propagandon por nova formo de

lingvo internacia aŭ eksiĝu el la Akademio. — La kandidatoj al la L. K. scipovu almenaŭ unu fremdan lingvon aŭ alimaniere pruvu sian lingvan kompetentecon. — La uzo de „io“ anstataŭ „ujo“ ne estu enkondukata sen oficiala decido de la L. K.

Konstanta Komitato de la Kongresoj:

La K. K. K. elektu novan kuratoron de la kongresa kaso, por anstataŭigi S[ron] Mudie. — Reprezentantoj de la kongresoj estu: la anoj por la Deka, por la Dekunua kaj por la projektata Dekdua kongresoj.

Rajtigitaj Delegitoj:

Tiu organizo ĝis nun sin pruvis la plej taŭga sistemo, por ebligi al ĉiuj esperantistoj, ke ili esprimigu sian opinion. La organizo donas al la universalaj kongresoj specialan intereson kaj seriozan karakteron. La regularo pri la Rajtigitaj Delegitoj estu konservata kaj aplikata en la estonta tempo.

Estontaj Kongresoj:

La konferenco opiniis, ke nepre estas necese, organizi kongreson en 1920. — La danaj samideanoj verŝajne povos organizi kongreson en 1921. — La konferenco deziras, ke unu el la plej proksimaj kongresoj okazu en Varsovio, por honori la memoron pri D[ro] Zamenhof.

Esperantista Centra Oficejo:

La konferenco decidas krei Internacian Societon de Amikoj de Esperanto kun naciaj sekcioj aŭ filioj, kies tasko estos, starigi kapitalon por la vivo de C. O.

Internacia Unuiĝo de Esperanto-Societoj:

Laŭ la regularo ĉiu nacia asocio konservas sian sendependecon. — Ĝis nun tiu unuiĝo pro la milito ne povis funkcii; oni do devas atendi, por juĝi ĝin, ĝis kiam ĝi estos montrinta sian utilon.

Ĝenerala Propagando:

La konferenco aŭdas kun intereso, ke oni intencas eldoni centran literaturan gazeton, kiu kunigos la gazetojn „Lingvo Internacia“ kaj „La Revuo“. — La konferenco deziras, ke oni daŭrigu la eldonon de la „Tutmonda Jarlibro Esperantista“. La jarlibro enhavu la adresojn de ĉiuj societoj, grupoj kaj ankaŭ de ĉiuj esperantistoj, kiuj tion akceptos.

# Aprobo.

En letero, kiun la ĉefo de la ordeno de klerikoj regulaj „scholarum piarum“, Pro T. Vinas direktis la 2an de Majo pja al la provincialo de la German-Aŭstruja provinco de tiu ordeno, Pro F. Meŝtan en Krems, li skribis i. a.: „Vi faras bone, propagandante la studadon de la citita lingvo (Esperanto), konsidere je venontaj decidoj de la estraro. Ĉar efektiva materio instrua kaj faciligo de instruado lerneja estas traktataj, mi ree rekomendas ĝian ekzercadon.“

---

# Kroniko.

Sub tiu ĉi titolo ni regule publikigos ĉiujn mallongajn sciigojn senditajn al la redakcio de societoj, grupoj aŭ unuopuloj pri ĉiulokaj, ĉiulandaj progresoj de la Esperanto-movado inter la katolikoj, do, pri fondo de novaj societoj aŭ grupoj, pri specialaj sukcesoj de unuiĝoj kaj de privataj personoj klerikaj ka laikaj ambaŭseksaj, pri menciindaj aranĝoj (ekspozicioj, ekskursoj, festaj kunvenoj ktp.). Ni do atendas, ke la redaktoro ricevos daŭre kaj konstante interesajn raportojn el ĉiuj mondregionoj por tiu ĉi rubriko.

**Malsupra Aŭstrujo.** En Ober-Hollabrunn la 30an de Novembro 1919a Francisko Kudrnovsky, studento ĉe la ĉefepiskopa seminario, paroladis en studenta kunveno pri Esperanto kaj entuziasmigis ĉiujn ĉeestantojn por nia lingvo. La kunvenon ĉeestis ankaŭ lia pastra moŝto, la rektoro de la seminario, kiu favoras Esperanton. Ĝis nun Fr. Kudrnovsky disdonis 70 lernlibrojn de Esperanto inter la seminariistoj.

**Salcburgio.** En la ĉefurbo Salcburgo Sro Ferdinando Huber klopodas starigi Esperanto-grupon.

**Karintio.** Pro Francisko Volbert, S. J., la direktoro de la seminario en Klagenfurt, promesis akceli Esperanton en sia rondo. Studentoj jam interesiĝis pri la ĝis nun tie nekonita helplingvo.

**Germanujo.** En Essen paroladis en „Kath. Volksverein“ Sroj advokato Hinsenkamp kaj poŝtsekr. Klein pri „Völkerbund und Esperanto“ (Ligo interpopola kaj E.). Ili detaligis la valoron de Esperanto, kiu precipe por la katolika eklezio estas klare ekkonebla. Montrante ekzemplojn, la parolantoj raportis, kiel Esperanto jam estas uzata de katolikaj misiistoj kaj unuiĝoj. La sekvinta diskuto rezultigis la fondon de katolika Esperanto-grupo, al kiu tuj aliĝis 136 personoj el ĉiuj rangoj: akademianoj, ekleziaj instruistoj, oficistoj, laboristoj kaj komercistoj. La nombro nun kreskis je 200. Provizora adreso: Essen, Aldergrevestrasse 13.

---

# Niaj mortintoj.

**Ni intencas citi en speciala rubriko la nomojn de mortintaj esperantistaj gekatolikoj, kun mallongaj biografioj, kaj petas la legantaron, okaze komuniki al la redaktoro tiajn datojn, eble kune kun fotografaĵoj.**

---

# Petoj kaj demandoj.

**La redaktoro petas, sciigi lin pri verkaĵoj koncernantaj Mezepokan popolinstruon ekster Aŭstrujo kaj Germanujo, plue alsendon de ĵurnaloj kaj revuoj jam ne bezonataj en angla, franca kaj itala lingvoj.**

---

# Sciindaĵoj.

**Ĉiu aboninto de E. K.** povas presigi senpage unufoje trilinian tekston pri diversaj deziroj (korespondado, kolektado k. s.) en nia gazeto. Ripetaj tiaj tekstoj kostas po n° $^1/_2$ Sm.

**La naskiĝodomo de Dro Zamenhof.** Sro J. Ŝapiro en Bialystok sciigis la esperantistaron per komunikaĵo al „Esperanto", la organo de U. E. A., ke Bialystok'aj samideanoj fine sukcesis konstati, en kiu domo de tiu urbo naskiĝis la Majstro. Ĝi estas la domo ĉe angulo de Zamenhofa (pli frue Zielonaja) kaj Brudna stratoj. Malgranda duetaĝa ligna konstruaĵo, ĝi estas ankoraŭ nun, laŭ la rakontoj de ĝia posedanto, la 75-jara Cieĥanovski, en la stato de la tago de l' naskiĝo de Zamenhof. Kovrita ligna ŝtuparo kaj koridoro kondukas el la korto supran etaĝon, en la iaman loĝejon de la gepatroj de la Majstro. La loĝejo mem konsistas el tri malgrandaj malaltaj ĉambroj. Rigardante la malgrandan ĉambron, en kiu naskiĝis Dro L. L. Zamenhof, oni kun malĝojo pensas, en kiuj pli ol modestaj kondiĉoj la Majstro travivis siajn infanjarojn, kaj oni apenaŭ povas kredi, ke en tiu malriĉa kabano unuafoje ekvidis la lumon de la suno tiu, kiun oni poste akceptis ĉie kun reĝaj honoroj, kaj kiu fariĝis, gvidanto de tutmonda movado. La Bialystok'aj samideanoj nun intencas meti sur la muron de tiu domo marmoran tabulon kun surskribaĵo rememoriganta al ĉiu la historian signifon de tiu domo same modesta, kia estis la Majstro dum tuta lia vivo. — La Zamenhof-domo kaj -strato en Bialystok, 6 luksaj fotogr. poŝtkartoj, estas riceveblaj de Sro J. Ŝapiro en Bialystok, Poczta Polska, Lipowa 33, por 12 resp.-kuponoj.

**Propono.** En „Esperanto", la organo de U. E. A., la lerta propagandisto Edmundo Privat rimarkigas, ke ekzistas por anoj de kursoj en lernejoj manko de libroj (lerniloj kaj legaĵoj). La preskostoj estas tre altaj kaj oni malvolonte riskas novan elspezon tiom ampleksan. La tuta estonto de nia afero estas minacata de tiu danĝero. Li do proponas, ke ĉiu esperantisto, grupo, redakcio, eks-administrinto de iu ajn Esperanto-centro zorge traserĉu malnovajn kestojn. Restas ĉie kvantoj de forgesitaj verkoj, tradukitaj aŭ originalaj. Forviŝu la polvon, kalkulu la nombrojn kaj anoncu la trovitaĵon al Centra Esp. Librejo, 51, rue de Clichy, Paris, donante adreson kaj proponante malaltan prezon po tuto aŭ po dek ekzempleroj. Ju pli malalta la prezo, des pli utila

la informo, kompreneble. Kia ajn estas la temo, la libroj certe estos utilaj en ĉiu loko, kie oni bezonas legaĵojn. Oni povos publikiĝi liston de tiuj malnovaj trezoraĵoj kaj per ĉio tre helpi al multe da novaj grupoj. Ankaŭ oni povas proponi interŝanĝon. Por centreŭropaj samideanoj estas kvazaŭ neeble, aĉeti Anglan aŭ Svisan eldonaĵon, kies prezo dudekobliĝas por ili nur pro la monŝanĝo. Sed ili povus pagi per livero de aliaj libroj. Ankaŭ oni povus presigi ĉe ili novajn eldonojn kaj tiel ŝpari grandajn sumojn pro la kurzo. Samtempe oni havigas laboron al bezonantaj presistoj kaj laboristoj. Al la citita Librejo oni ankaŭ komuniku ĉiujn plendojn pri manko de libroj. La eldonaĵoj de Hachette kaj Komp. en Paris nun estas vendataj pere de tiu librejo.

**Verkado de kompleta Esperanto-vortaro Germana-Esperanta.** La ŝtata Esperanto-instituto en Leipzig, inter kies ĉefaj taskoj laŭstatute estas la okupiĝo pri sciencaj Esperanto-demandoj, preparas verkadon de kompleta Esp.-vortaro Germana-Esperanta kun proksimume 300.000 vortoj el la komuna lingvo, la sciencaj kaj metiaj terminaroj kaj plej eble riĉa frazeologio, kaj invitas interesemulojn, partopreni en tiu laboro, kies daŭro estas taksita je 10 ĝis 15 jaroj. Kiu el la kunlaborantoj jam por si mem private faris tiaspecajn notkolektojn, estas petata, sciigi, ĉu li lasos ilin al kopiado. La kunlaborontoj sciigu, kiujn verkojn ili prefere tralaborus. Por- aŭ kontraŭdiroj al la projekto danke estos akceptataj de la Saksa Esperanto-Instituto, Leipzig, Johannisplatz 3, por esti uzataj por la profito de tiu granda verko. Germanlingvaj samideanoj en ĉiuj landoj bonvolu elskribi el iu de ili elektita por tio esperanta libro, gazeto ktp., ĉion por la supre montrita celo gravan laŭ labormanieraj reguloj, sendotaj al ĉiu kunlaboranto, por la kartoteko de la instituto.

**Propagando interblindula.** La daŭran reaperon de la sola esp. gazeto por blinduloj „Esperanta Ligilo“ dum la nuna jaro ebligis la direktoro de la „Nacia instituto de blinduloj“ en London, Sir Arturo Pearson, sukcesinte, instigi la instituton, ke ĝi pagu al la redaktoro de „E. L.“, Sro Haraldo Thilander en Stockholm, 250 sterl. funtojn pojare. Per tiu subteno fariĝis eble, malaltigi la abonprezon de „Esp. Ligilo“.

---

# Gazetaro.

Ni sendas recenzekzemplerojn de nia gazeto al ĉiuj konataj de ni „kolegoj“-gazetoj kun la peto, bonvole interŝanĝi siajn kun niaj numeroj, kaj volonte ni priparolos la enhavon laŭ la maniero montrita en tiu ĉi numero. Pri anoncoj interŝanĝaj ni intertraktos koresponde.

**Blanka Kruco.** Unuiĝa organa por la katolikaj esperantistoj. Admin.: Graz, Aŭstrujo, Stirio, Volksheilzentrale, Karmeliterplatz 4/5. — „Blanka Kruco“ volas propagandi Esperanton meze de la katolikoj kiel internacian konsentilon, kiu transpontigas kontrastojn ĉiuspecajn, realigas la Kristsentecon de unu ŝafejo kaj unu paŝtisto kaj unuigas la katolikojn ĉiulandajn en la internacia ligo de la I. K. U. E.; ĝi agos vire por Kristo, la papo kaj la eklezio, kaj subtenos akcelante la restarigon de l' reĝeco de Kristo sur tero kaj socian kaj spiritan renovigon de la homaro ĉe la koro de Jezuo per aktiva organizado de vera Kristana homamo.

**Nova Tempo.** Internacia monata revuo por komunaj kulturlaboroj kaj mondrilatoj. Jarabono 15 K Admin.: Wien, VIII. Lerchenfelderstraße 128. — Tiu gazeto grandformata, daŭriganta la antaŭmilitan „German-Aŭstria Esperantisto", prezentas en lerte redaktitaj tekstoj germanlingvaj kaj esperantaj interesajn informojn pri la vigla movado esperantista en la nuntempe severe persekutata de la sorto German-Aŭstrujo kaj ankaŭ aliajn, sciencajn kaj beletristikajn tekstojn kun bonaj ilustraĵoj kaj ŝajnas taŭga, ludi ĉefan rolon inter la esperantaj gazetoj ĉiulandaj.

**La Esperantisto.** Organo de Esperanta Universitato Popola, dediĉita al la interna ideo de l' Esperantismo. Eldonejo: Wien (Aŭstrujo) $II/_1$ Postamt 34. Jarabono 4 respondkuponoj. — La gazeto kun verdekolora titolo estas redaktata de Dro Ard. Popolan, kiu skribis en teksto enkondukanta jenon: Sole la Esperantismo povas alporti al la suferantaj popoloj tiun senton de frata solidareco, al kiu ili sopiras! Ĉar ĝi estas la sola internacia movado, por kiu la internacieco ne estas nur simpla aldono kaj ornamaĵo. Por nia movado la internacieco estas la elirpunkto de l' tuta programo, la kondiĉo, „sen kiu nenio" en la tuta afero. Kaj Paco kaj Amo sur la bazo de l' internacieco, de l' homaraneco estas la gvidanta ideo de l' tuta ĝisnuna kulturevoluo, la plej interna kerno de l' Kristaneco, la socialismo de l' koro, la Verda Internacio!"

**Esperantista Voĉo.** Monata bulteno internacia. Administracio: S. Grenkamp-Kornfeld, Kraków (Polujo) Dietla 62. Abonprezo duonjare 5 K. La abonoj komencas en Aprilo aŭ Oktobro. — Tiu gazeto esperanta aperis dum la 1918a sub malfacilaj cirkonstancoj, sed akiris dum la pasinta jaro aron de kunlaborantoj el Bohemujo, German-Aŭstrujo, Stirio, Polujo, Hungarujo, Istrio, plue el Nederlando, Svedujo kaj Norvegujo, kies verkoj helpis fari interesa la pure esperantatekstan bultenon.

---

# Literaturo, Muziko kaj Artoj.

Volonte ni recenzos librojn ricevitajn de la eldonejoj esperantistaj aŭ de aŭtoroj en du ekzempleroj kaj sendos pruvekzemplerojn enhavantajn la recenzan tekston.

**Literaturo.** Trimonata gazeto esperantista, eldonata de la B. E. A. Literatura kaj Debata Societo. Mendebla: 17, Hart Street, London, W. C. 1. Jarabono $1^1/_2$ Sm. — Tiu gazeto intencas unuigi la kvalitojn de „Lingvo Internacia" kaj „La Revuo" (vidu: Esp. Konferenco en Paris en ĉi tiu no!). Ĝi komencis per publikigo de lerta traduko de la mondfama „Sonĝo de Someromeza Nokto" de Shakespeare k. a. tekstoj. Oni devas deziri al tiu serioza literatura entrepreno daŭran bonan sukceson.

**La Unuigita Tuthomaro** (Die geeinigte Menschheit). Eldonita de la pastoro Heydorn. Abonprezo kvaronjara Mk. 2·50; unuopa no 1 Mk. Abonebla per poŝto, librovendejo aŭ Bahai-eldonejo, Hamburg 35. Gazeto propaganda por Ligo interpopola kun konkordancaj germanlingvaj kaj esperantaj tekstoj.

**Internacia Lingvo Esperantida.** Monata gazeto internacia por la Ligo de la popolon kaj la progreso homara. Oficiala organo de la Esperantida Akademio. Administrejo: 10, Hotelgasse, Bern, Svisio. Jarabono: 1 Sm. —

Kun ĉiu pompa titolo eliras gazeto, propagandanta la plej novan, sed verŝajne ankoraŭ ne lastan „sistemon" de Sro René de Saussure, per kiu li celas unuigi la esperantistojn kaj la idistojn.

**Das Weltsprachenproblem, Esperanto und die Stellung der katholischen Kirche zur Weltsprachenfrage.** (La problemo de lingvo tutmonda, Esperanto kaj la pozicio de la katolika eklezio al la demando pri lingvo tutmonda). — Tiu germanlingva broŝuro laŭ parolado de la Pro provinc. Francisko Meŝtan, Schol. piar., en la konstituiga kunsido de la loka grupo Krems de la Aŭstria Katolika Ligo Esperantista, la 24an de Marto 1918a en la kolegio de Piaristoj en Krems, eldonita de la citita grupo kun episkopa aprobo, celas konatigi ĉion — la enkonduko diras tion — kion ĉiu klera katoliko, precipe ĉiu katolika pastro kaj instruisto devas scii pri la problemo, la progresoj de la helplingvo spite la milito tutmonda kaj pri la utiloj de komuna lingvo por la ekleziaj organizoj. La teksto, lerte kompilita el konataj verkoj de kompetentaj Esperantistoj, enhavas „in nuce" ĉion necesan kaj taŭgan por efika propagando de Esperanto en katolikaj rondoj klerikaj kaj laikaj. La aŭtoro, li mem perfekta Esperantisto kaj fervora propagandisto kun bonaj sukcesoj, zorge kolektis la argumentojn por katolikoj kun citado de la literaturaj fontoj kaj tiamaniere verkis kompendion certe bonvenan al parolontoj antaŭ katolikoj sed ankaŭ al tiaj sen religia intenco. La verketo meritus esti tradukata esperantlingve, kio multobligus ĝian valoron.

**Ni dankas Vin** (Wir danken Dir). Kantoj al solena dankmeso. Teksto de S. M. Theoda Zimmermann, esperantigita de J. Schröder. Komponita por trivoĉa ĥoro de virinoj kun akompano de orgeno aŭ harmoniumo de Karolo Pfleger. Partituro $3^1/_3$ Sm., unu kantvoĉo 1 Sm. Eldonejo J. Eberle, Wien (Aŭstrujo), VII. Schottenfeldgasse 38. — Ni citu el la granda, tre belsona verkaĵo de lerta komponisto, kiu donis al la edifaj vortoj de monaĥino (filino de l' dia Savinto) brilan muzikan koloron, la tekston de la fina kanto: Ni dankas Vin! Ni dankas Vin! — Etendu manojn super ni, fluigu Vian benon! Vi montras en la dom' de Di' al ni ĉielan scenon; — ĝi gvidu nin al Via tron', por kanti indan gloron: — aŭdigu ni kun hela ton' de laŭdo harpsonoron!

**La leĝo kaj la profetoj.** El parolado de P. H. Peckover en Walpole, 1914, Aĉetebla ĉe Fno P. H. Peckover, Wistaria House, Wisbech, 100 ekz. 0·625 Sm. Flugfolio kontraŭ militoj.

**Al la viroj kaj virinoj en ĉiu nacio, kiuj celas sekvi Kriston.** Alvoko de la Religia Societo de Amikoj en Britujo. — Flugfolio, ricevebla de „The Message Secretary", Devonshire House 136, Bishopsgate, London, E. C. 2.

---

# Respondoj de la Redaktoro.

En rubriko: Respondoj de la redaktoro mallongaj sciigoj post demandoj el la legantaro estos troveblaj. Detalaj respondoj, kiam ili estos necesaj, estos komunikataj per leteroj.

---